„Mutig vorwärts!" „Kuraĝe antaŭen!"

# Aŭstria Esperantisto
## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Asocio

6a jaro. No. 6 Monata Junio 1929

Redaktejo kaj administrejo: Korneuburg ĉe Wien, Postfach.

Konto bei der Postsparkasse D-123.826 u. 36.783 (Sparkasse Korneuburg).

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ. Ŝ 4.80, germanlandanoj RM 3.25 alilandanoj sv. fr. 4.25, ponumere: por enlandanoj 45 aŭ. g., eksterl. 55 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

### Adam Mickiewicz.

Vor kurzem wurde in Paris das Denkmal dieses großen polnischen Dichters enthüllt. Mickiewicz lebte seit seinem frühen Mannesalter in der Verbannung, ließ sich nach vielen Wanderungen durch Deutschland, Italien und die Schweiz in Frankreich nieder und ist in Paris gestorben, ohne je mehr sein Heimatland erblickt zu haben.

Er galt nicht nur als der geistige Führer für die Befreiung Polens, sondern (ebenso, wie Dr. Zamenhof, der Erdenker des Esperanto) als Vorkämpfer der Völkerbefreiung und Völkerverbrüderung.

Sein bedeutendstes Werk ‚das größte und herrlichste slavische Epos „Pan Tadeusz" wurde von seinem Landsmann, dem Dichtergelehrten Antoni Grabowski, einem der ersten Pioniere der Esperantobewegung und intimem Freunde Zamenhofs, in meisterhafter Weise übersetzt* und bildet eines der wertvollsten Werke der Esperantoliteratur.

* Sinjoro Tadeo, aŭ la lasta armita posedpreno de Litvo. (Pola Epopeo »Pan Tadeusz«) de Adam Mickiewicz. E.-traduko de Antoni Grabowski, Warszawa 1918.

---

### Einrichtung des unverbindlichen Unterrichtes an den Mittelschulen (Freifächerverordnung).

(„Volkserziehung", Nachrichten des Bundesministeriums für Unterricht; Amtlicher Teil, XI. Stück vom 11. Juni 1929, Nr. 59).

Auf Grund des Gesetzes vom 2. August 1927, B. G. Bl. Nr. 244 betreffend die Regelung des Mittelschulwesens (Mittelschulgesetz) wird hinsichtlich der Einrichtung des unverbindlichen Unterrichtes folgendes verordnet:

§ 1. Der unverbindliche Unterricht hat die Pflege der besonderen Interessen einzelner Schülergruppen für bestimmte Fächer zur Aufgabe, soweit diese Pflege in den Rahmen der Bildungsaufgabe der Mittelschule fällt und sich durch eine eine entsprechend starke Teilnahme der Schüler als ein wirkliches Unterrichtsbedürfnis erweist.

§ 7. Als Freigegenstände dürfen geführt werden: Fremdsprachen u. zw. Latein, Griechisch, Englisch, Französisch, Italienisch, Slowenisch und **Esperanto.**

---

**Nagasaki** (Japan). Ein unter Mitwirkung der Tagespresse abgehaltener Esperanto-Propagandaabend war von mehr als 300 Personen besucht.

**Port Said** (Ägypten). Auf der Bahnstation in beiden Telegraphenämtern und in vielen Geschäften sind Esperantisten, die Fremden in Esperanto Auskünfte erteilen.

## Internacia Esperanto-Muzeo.

**Protektoro:**

Prezidanto de la Respubliko Aŭstrio, Wilhelm Miklas.

Leteradreso: Wien, I. Annagasse 5.

**Internacia Honora Komitato:**

Aŭstria Kanceliero Ernst Streeruwitz.

S-ano Parley Parker Christensen, advokato el Chicago, vizitis nin en nia ejo kaj promesis varbi kaj propagandi por IEMW.

**Materialo ricevita:**

Laŭ donaclistoj n-roj 194. Jakob Schwab-München, 195. Delfi Dalmau-Barcelona, 196. Kataluna E.-Federacio-Barcelona, 197. (Nomo ne legebla)-Bologna, 198. Tagblatt-Bibliothek-Wien, 199. Fredo Karg-Neumark, 200. Hugo Salokannel-Salminen, 201. Heroldo de Esperanto-Köln, 202. A. Taussig-Wien, 203. Sudslava E.-Servo-Zagreb, 204. E.-oficejo S. Hermoch-Kolin, 205. R. Peter-Bisamberg, 206. Angla Ligo de Katolikoj E.-London, 207. E.-Biblioteko »Nova Kulturo«-Burgas, 208. Oskar

Schramm-Selb, 209. Leon Cogen-Ninove, 210. Inĝ. Eugen Wüster-Berlin, 211. Nomo ne legebla, 212. The Institute of Physical and Chemical-Tokio, 213. Tutome Maeda-Tokio, 214. D-rino Zofja Zamenhof-Warszawa, 215.

Franz Watzinger-Villach.

Daŭrigu la sendadon de materialo kaj instigu viajn konatulojn al sama agado. Ĉiu ricevos dankleteron kaj belan flugfolion »Aŭstrio«.

Por Loka Kuratora Komitato: Steiner, prez.

## „Antaŭkongreso al la XXI-a" kun „Malfermo de Intern. Esperanto-Muzeo en Wien".

Wien, 30. julio—2. aŭgusto 1929.

Leteradreso: Wien, I. Annagasse 5.

**Protektoro:**

Prezidanto de la Respubliko Aŭstrio Wilhelm Miklas.

Kotizo: Aŭ Ŝ. 7.10 aŭ egalvaloro.

Ni ricevis jenajn leterojn, kiujn ni publikigas tradukite E.-lingven:

Kancelario de Aŭstria prezidanto. 5003/Pr. K. Wien, la 13. de junio 1929.

Al la prezidanto de Internacia E.-Muzeo.

La kancelario de la prezidanto atestas la ricevon de via ŝatata letero de l' 29. de majo 1929, per kiu vi petis s-ron Liglandan Prezidanton akcepti la en Wien alvenontajn ĉefulojn de la Esperanto-movado el la diversaj landoj en aŭdienco kaj persone fari la malfermon de la E.-Muzeo.

La kancelario de Liglanda Prezidanto estis komisiata de sinjoro Liglanda Prezidanto, esprimi al vi lian komplezan dankon pro la afabla al li farita invito. Se sinjoro la Liglanda Prezidanto restados la 1. de aŭgusto en Wien, li certe volonte estos preta, konformi al viaj deziroj kaj akcepti la eminentulojn de la E.-movado de la diversaj nacioj je la 10-a antaŭtagmeze kaj same fari la malfermon de la Esp.-Muzeo je la 12-a. Bedaŭrinde en la nuna momento ankoraŭ ne estas superrigardeble, ĉu estos eble al sinjoro la Liglanda Prezidanto, esti je la menciita tempo en Wien, pro kio la kancelario devas rezervi al si pluan sciigon en pli malfrua tempo.

Löwenthal m. p.

La Kanceliero. Wien, la 12. de junio 1929.

Tre estimataj sinjoroj!

Respondante la estimatan leteron de l' 29. p. m. mi havas la honoron komuniki, ke mi kun plezuro estas preta, eniri la Honoran Komitaton de Internacia Esperanto-Muzeo en Wien kaj ankaŭ akcepti en mia oficejo deputitaron de la okaze de la malfermsoleno de l' Muzeo la 1. de aŭgusto nj. Wien ne alvenintaj reprezentantoj de la nacioj.

Mi ankaŭ esperas, ke estos eble al mi, persone ĉeesti ĉi tiun solenon. Ĉiuokaze mi permesos al mi, sendi al vi ĝustatempe ankoraŭ koncernan komunikon.

Kun la esprimo de plej alta estimo

Via sindona

Streeruwitz m. p.

Al la estimata Kuratora Komitato de Int. E.-Muzeo en Wien.

### Sen kongreskarto neniu rajtos partopreni la aranĝojn!

**Kongresejo:** Wien, I. Annagasse 5, I. et. (Politische Gesellschaft, tel. n-ro R 26-406) kaj la 30. VII. ptgm. ankaŭ en Kafejo Konstantinhügel (Prater, tel. R 43-4-37). Ĉiu venu al Annagasse, flankstrateto de Kärntnerstrasse meze en la urbo, por akcepti la kongresaĵojn.

**Aldono al la programo:**

31. de julio: Krom la gvidado tra Malnova Wien okazos ankaŭ kaj samtempe vizitado de Nova Wien (Amalien-banejo, famaj logejnovkonstruaĵoj de la komunumo Wien ktp.).

**1. de aŭgusto:**

8.30 h Diservo en Minoritenkirche.

10.— h Akcepto de la landaj reprezentantoj kaj eminentuloj el la movado en aŭdienco ĉe la Prezidanto de la Respubliko kaj poste ĉe la Kanceliero.

11.— h Akcepto de la tuta esperantistaro en la urbdomo.
Fotografado antaŭ la urbdomo.

12.— h Malfermo de Int. E.-Muzeo en kupolsalonego de Nationalbibliothek en ĉeesto de la Prezidanto, Kanceliero kaj granda publiko. Parolos la reprezentantoj de la landoj po unu frazon en sia lingvo kaj en Esperanto.

**Ili jam nun anoncu sin!**

**Diservo** la 1. de aŭgusto aranĝota de Katolika Unuiĝo en Wien. La predikon faros nia altŝatata prof. d-ro Christanell-Parsch.

**Konferenco de AEA** okazos la 31. de julio je la 4 ptgm. sur Kobenzl.

Kunveno de **Univ. Esp. Pacifista Ligo** samloke je la ½5 ptgm.

Kunveno de la **delegitoj aŭstriaj de UEA** samloke je la ½6 ptgm.

**Gvidlibron** tra Wien kaj **gvidfoliojn** »Aŭstrio« kaj »Wien« la kongresanoj ricevos en Wien tuj post ilia alveno. Ni volonte respondas ĉiujn demandojn, sed nepre estas necese aldoni respondkuponon, ĉar ni el la malalta kongreskotizo ne povas kovri ĉi tiujn elspezojn!

La **senpaga** abono al Aŭstria Esperantisto **finiĝas** per ĉi tiu numero.

Se la gazeto plaĉis al vi abonu ĝin por la resto de 1929 je favora prezo de S 2.50.

**Antaŭpagita biletaro** enhavos kuponojn por:

**Noktigejo:** Luksa S 54.—, unuaranga 21.—, boncivitana 12.— (ĉiuj kun fluanta akvo, matenmanĝo kompleta kun trinkmono), civitana 9.—, plurlita 7.— (sen fluanta akvo, kun matenmanĝo kompleta kaj trinkmono), simpla 5.— inkl. trinkmono, sen matenmanĝo, pensionejo de 4.— ĝis 10.— sen matenmanĝo, kun trinkmono, privataj loĝejoj 4.— sen matenmanĝo.

**Manĝoj:**

Vespermanĝo Rathauskeller (30. de julio) 2.50
„ »Heuriger« (31. de julio) 3.50
„ Ottakringerbräu (1. de aŭg.) 2.50
Tagmanĝo po 1.50, 1.80, 2.10, 2.50
„ sur ŝipo (2. de aŭgusto) 3.50

**Mendu tuj,** samtempe sendante la monon kun **aldono de 80 g** por afranko de la biletaro, ĉar **alie en la ĉefsezono ni ne povas garantii** por bona noktigejo kaj krome vi plifaciligas la laboron al la komitato. Ankaŭ ni devas antaŭe mendi la noktigejojn kaj manĝojn.

**Reveturo de Wien:** Ni proponis belan vojaĝon (n-ro 3, pĝ. 27, 1). La ĝeneraldirekcio de fervojoj presigis apartajn biletojn aĉeteblaj en Wien (Sudstacio, I. Schwarzenbergplatz 3 kaj Oesterr. Verkehrsbüro, I. Friedrichstrasse). La veturado estos interrompebla en Bruck a. d. Mur, Leoben, Stainach Irdning, Bad Aussee, Hallstadt, Bad Ischl, Ebensee sen iu formalaĵo, krome 4 foje en aliaj stacioj kontraŭ kvitanco en la stacidomo.

**Respondoj:** Dahl, Uddevalla: Ne eble.

**Aliĝis ĝis nun:**

128. Schwab Jakob, ofic., München
129. Dietz Hedwig, bank. edz., Augsburg
130. Tauber Alexander, komerc., Bratislava
131. Schwarz Alex., komerc., Berlin
132. Kiene Walter, inĝ., Wesermünde-Lehe
133. Kiene Margarete, Northeim
134. Rohlfing Margarete, asist., Wesermünde
135. Schriefer Margarete, asist., Wesermünde
136. Spieß Gerda, libroten, Danzig
137. Brandt Edith, Danzig
138. Kassal Karl, instr., Wien
139. Schmalzl Josef, prof., Weiden
140. Schmalzl Josefine, Weiden
141. Ostertag Charlotte, Augsburg
142. Kinsinger Maria, dir-ino, St. Ingbert, Saar
143. Telling J., poŝtofic., Groningen, Nederl.
144. Schiebl Hans, poŝtdir., Wien
145. Winkelhofer Valerie, ofic., Wien
146. Mildschuh Maria, ofic., Wien
147. Wiener Albert, Katowice, Polujo
148. Kunkel Elisabet, Danzig
149. Neumann Martin, instr., Kamenz
150. Istel Lndwig, dir., Wiesbaden
151. Kiglits Stefano, prof.-pastro, Pecs
152. Lindt Dr. Richard, konstrukons., Zittau
153. Lindt Frieda s-ino, Zittau
154. Lindt Werner, Zittau
155. Zimmels Leon, Krakow
156. Glicenstein Jakob, fabrikdir., Lodz
157. Muszkatblat Dr. Paulina, Warszawa
158. Polier Margarete, instr., Breslau
159. Polier Emilie, mezlern. instr., Breslau
160. Ver.eck Joak, Antwerpen
161. Vereeck de Bruyer s-ino, Antwerpen
162. Meisgeier Edmund, studkons., Leipzig
163. Meisgeier Marianne, stud. med., Innsbruck
164. Adam Rudolf, Zwickau
165. Jukl Vlado, prof., Bratislava
166. Herzberg Bruno, instr., Berlin
167. Ede Edward H., Cardiff, Britujo
168. Ede Mildred s-ino, Cardiff
169. Van Ogle Lilly, univ. prof.-ino, Cardiff
170. Schamanek Josef, eksdir., U. Tullnerbach
171. Christanell Dr. Franz, prof., Salzbuzg
172. Csáder Aleks., bankofic., Bratislava
173. Bassols de Comella Dolores, Vich
174. Comella Jacinto, Vich, Hispanujo
175. Hinteregger Karl kond., Leoben
176. Fassmann Ant., komizo, Seegraben
177. Berg Elfriede, instr., Breslau

**Karavanoj de Mosse:**

306. Nilson Ella Linnĉ ı, Solvesborg, Svedujo
307. Dittmar Anna, Berlin
312. Dahl Einar wilhelm, Uddevalla, Svedujo
313. Kjellander Olga, Gefle, Svedujo
314. Ahlberg Edit, kontoristino, Gefle
315. Holm Ingeborg Marg., telef.-ino, Gefle
316. Johansson Ingeborg, vend-ino, Gefle

Hovorka, Steiner, prez.

---

## Radioparolado

pri »Antaŭkongreso« kaj »Malfermo de Int. Esp.-Muzeo en Wien« de prezidanto Steiner la 1. de julio vespere. La precizan horon anoncos la ĵurnaloj.

## Hallein.

Bela urbeto en liglando Salzburg, 443 m super la maro, fondita en la XI. jc., fame konata jam depost komenco de l' XII. jc. pro elfosado de salo el Dürnberg (monto).

Vidindaĵoj: Urba muzeo, paroĥpreĝejo el 1094, faklernejo por prilaborado de lignoj kaj ŝtonoj kun ekspozicio de modelaj laboroj, rastilo en Salzach-rivero, la plej granda tiaspeca instalaĵo en Eŭropo, tute el ligno, Römerbrücke (ponto), historia postrestaĵo de la antikva romana



landstrato en pitoreska situo, salminejo: Ĉe la masdekstra bordo de Salzach, unu horon de Hallein, 770 m super la maro, situas sur la arbaraj antaŭmontoj de Hohe Göll la minista vilaĝo Dürnberg. La mineksplutado etendiĝas sur 9 etaĝoj, nomataj »montoj«, kiuj estas interligataj per mintuneloj kaj ŝaktoj. La plej longan tunelon oni konstruis dum 42 jaroj (1596—1638) en longo de 2700 m. Ege interesa kaj malmultekosta estas la vizitado de la minejo kun ĝia elektre lumigata lago kaj la traveturado sur veturiletoj.

Belega ĉirkaŭaĵo. Vizitu Hallein reveturante el Budapest! La grupo vin volonte akceptos.

## XXI-a en Budapest.

2.—9. aŭgusto 1929.

Adreso: Esperanto-Kongreso, Budapest.

La Loka Kongresa Komitato de la XXI-a Universala Kongreso kaj V-a Somera Universitato en Budapest povas kun ĝojo raporti, ke la programo de la septaga kongreso kun la avantaĝoj kaj festoj estas tute preta kaj ni povas esperi, ke nia mondkongreso estos vera, granda kaj serioza manifestiĝo por E., precipe de la malgrandaj popoloj.

Gastame kaj kore oni do atendas vin el ĉiuj landoj de la tero, ĉar ankoraŭ ne estis universala kongreso en tiu ĉi parto de Eŭropo.

**Do aliĝu tuj, malfaciligu la laboron de LKK.**

Rimarkoj: Aliĝiloj kaj loĝejmendiloj sendotaj volonte al ĉiuj. Ĉe petoj aldonu respondkuponon.

Kotizo Ŝ 35.—, por grupoj de 5 studentoj, legitimitaj de ia studenta societo kaj infanoj la duono po persono, ili ricevos la eldonaĵojn aŭ ebleco.

Ĉiu persono aŭ grupo, kiu ensendos 5 aliĝilojn kun pago, ricevos senpage la libron de Baghy: »Migranta Plumo«, kiu sendos 10, simplan eldonon de Madách »La tragedio de l' homo«, je 20, la luksan eldonon de tiu ĉi trezoro de nia literaturo. (Tiuj premioj ne valoras por la karavanoj oficialaj.) Se vi ne povas partopreni, helpu la sukceson, kiel helpmembro Ŝ 18.—

Ĉiu aliĝinto ricevas dum 1929 »Hungaran Heroldon« kun ĉiuj necesaj sciigoj.

Legu ankaŭ la Kongresnumeron de Heroldo (n-ro 518)!

**Faka kunsido de abstinentuloj** okazos dum XXI-a. Ili raportu pri situacio de kontraŭ-alkohola movado en sia lando. Alpo Suomalainen, Finnlando, Konnitsa.

**Postkongresa vojaĝo.**

Esperantista Klubo en Praha, aranĝanta la 11. VIII. postkongreson en belega ĉefurbo de Ĉeĥoslovakio, preparas du karavanojn tien, kiuj ambaŭ ekiros el Budapest tuj post fino de l' kongreso la 9-an matene kaj atingos Praha la 11-an frumatene.

Unu haltos en moravia landa ĉefurbo Brno (Brünn), vizitos tie ekspozicion de moderna komerco kaj proksiman grotaron kun abismego Macocha, dume alia karavano, gvidota de prof. Vlado Jukl, Bratislava (Komerca akademio) celas montri al la partoprenontoj naturbelaĵojn de Slovakio kaj haltos en Alta Tatra (super 2500 m) kaj proksima grotaro de Demänová.

Uzu la okazon por kompletigi viajn sciojn pri Mezeŭropo per nelonga malmultekosta vizito de juna Respubliko Ĉeĥoslovakio, demandu tuj informojn ĉe Esperantista Klubo en Praha I. — Perŝtyn 11 kaj aliĝu al karavano.

Postkongresa Komitato en Praha.

## Akademio
kaj
## Lingva Komitato.

### Rezultatoj de la diversaj balotoj
(Majo 1929).

**I. Elektoj en la Lingvan Komitaton:**

Estas elektitaj: S-roj **Bailey (T. G.)** 98 voĉoj, **Göhl**: 96, **Hohlov**: 95, Mazzolini, Privat, G-alo Sebert: 94: **Nekrasov**: 93, **Spiridoviĉ**: 92, Simon, 90, **Esselin**, Stojan: 89, Kühnl, Shafer (F-ino): 88, Villanueva: 87, **Rublev**: 85, **Demidjuk**: 84.

La ok nomoj dike presitaj estas tiuj de la novaj membroj.

**II. Elektoj en la Akademion:**

Estas elektitaj: S-roj Baghy: 74 voĉoj: Setälä: 61, Stamatiadis: 57.

**III. Pri la Kvara Aldono:**

Aprobis ĝin: 83. Malaprobis: 24. Ne voĉdonis: 6.

Kelkaj L. K.-anoj sendis rimarkojn, kiujn ekzamenos tre atente kaj zorge konsideros Prof. Grosjean-Maupin, Direktoro de la Sekcio »Komuna Vortaro«.

La **Aldono** aperos en junio — julio 1929.

**IV. Pri la prefikso: »mis—«,**

Ĝia signifo estas **severe limigata** al la senco: **erar—, malĝust—, malbon—.**

Aprobis la oficialigon: 72. Malaprobis ĝin: 39. Ne montris opinion: 2.

Sekve, la prefikso: **mis—** fariĝas de nun **oficiala** laŭ la supremontrita senco.

**V. La modifoj en § 11 de l' Regularo:**

Forigo de la linioj 3 kaj 4 kaj anstataŭigo (lin. 5) de **»Estraro«** per **»Akademio«** estas aprobitaj per 98 kaj 109 kontraŭ 14 kaj 3. Ne voĉdonis: 1.

Atestantoj: **R. de Lajarte — M. Arger.** La prezidanto: **Th. Cart.**

### Esperanto nedeviga fako en ĉiuj mezlernejoj en Aŭstrio.

En »Volkserziehung«, oficiala informilo de Liglanda Ministerio por instruado, XI. parto de l' 1. de junio 1929, n-ro 59 aperis ordono pri »Instalo de nedeviga instruado en la mezlernejoj«.

Ni nur citu la por ni gravajn punktojn:

»Laŭ la leĝo de 2. aŭgusto 1927, B. G. Bl. n-ro 244 koncerne la reguligon de la instruado en mezlernejoj estas dekretata koncerne la instalon de la nedeviga instruado jeno:

§ 1. La nedeviga instruado havas la taskon, zorgi por la specialaj interesoj de unuopaj lernantojgrupoj por certaj fakoj, se ĉi tiuj akomod-

iĝas al la kadro de la instruplano en la mezlernejoj kaj montriĝas per sufiĉe granda partopreno de la lernantoj kiel vera instruneceseco.

§ 8. Kiel nedevigaj instrufakoj povas esti instruataj: Fremdaj lingvoj, nome latina, greka, franca, itala, slovena kaj **Esperanto.«**

## Al la tutmonda instruistaro E.-ista!

Preskaŭ ĉiutage oni urĝe petas, aŭ eĉ energie postulas de mi materialon statistikan pri la temoj **»Esperanto en lernejoj«** kaj **»Esperanto inter la instruistaro«.** Ĉar ne ĉiuj gekolegoj abonis kaj legas nian »Internacian Pedagogian Revuon«, mi nun per niaj aliaj esperantistaj gazetoj petas:

1e. Anoncu vin kiel instruistojn esperantistajn sendante vian precizan adreson!

2e. Bonvolu raporti, ĉu en via urbo aŭ vilaĝo oni (ne nur vi persone) iam ajn instruis aŭ nuntempe instruas E.-on en iu ajn lernejo. Skribu la nomon de la koncerna lernejo.

3e. Bonvolo turni vin, se vi bezonas korespondantojn el la tutmonda kolegaro por vi mem aŭ por viaj klasoj (pro internacia korespondado de l' lernantoj), al ni!

Ni ordigos la korespondan aferon sisteme kaj laŭplane. Cetere ni jam kolektis la adresojn de pli ol 4.000 esperantistaj instruistoj el pli ol 50 landoj.

Ricevinte viajn sciigojn, ni kapablos aranĝi kaj doni konfidindan statistikon pri la supre aluditaj temoj, kiu estas **nepre necesa.**

Sendu la materialon al **f-ino Martha Moelke, Sommerfeld, Niederlausitz** (Germanujo), kun kiu mi en «Kunlaborado« kun IALA, New York, kaj la Instituto J. J. Rousseau, Genève, zorgos pri la statistiko. **D-ro Dietterle.**

## Proponoj al la Internacia Teknika Kongreso. Tokio, Okt.—Nov., 1929.

Konsiderante la rapidan progreson de la internaciaj rilatoj pro la lastatempa disvolviĝo de interkomunikado.

Konsiderante la mirindan facilecon de la internacia lingvo Esperanto kaj ĝian neŭtralecon la subskribintoj proponas:

1. Ke la oficiala lingvo de la internacia teknika kongreso estu de la sekvonta fojo Esperanto kaj ĉiu partoprenanto estu tiel egale rajtigita kiel aliaj uzi sian propran lingvon laŭvole, kondiĉe, ke oni nepre aldonu tradukon en Esp.

2. Ke por akceli praktikan uzadon de Esp. inter inĝenieroj tutmondaj, kiel la plej efika rimedo por interŝanĝi sciojn kaj por interamikiĝi inter si estu nomata agada komitato por komisii jenajn taskojn:

a) Kompili sub aŭspicoj de la Esp.-Akademio en Paris vortaron de inĝeniera terminaro.

b) Eldoni organan gazeton kaj inĝenierajn librojn en Esperanto.

Rilate al la libroj estas rekomendinde, ni opinias, ke oni traduku antaŭ ĉio inĝenierajn poŝlibrojn, kiuj pritraktas plej vaste pri diversaj branĉoj de inĝeniera scienco, ekz. »Das Ingenieur-Taschenbuch« de »Hütte«, ktp.

K. Takahaŝi, T. Minoda
Civila inĝ. ĉe Tecudô Kjôkai (Fervoja Asocio)
Juraku-ĉo, Tokio.

La samideanoj-inĝenieroj estas petataj, sendi ĉi tiun proponon subskribitan de ili al la proponintoj.

## Decido en Canterbury.

Propono de F. O. Lechmere-Oertel unuanime akceptita:

»La XX-a Brita Kongreso opinas ke la tempo venis por pli energia antaŭenpuŝo kaj por konsiderita kaj laŭplana agado por akiri rekonon al Esperanto flanke de la diversaj registaroj kun la celo de ĝia enkonduko, egalvalora kun ceteraj fakoj, en ĉiuj lernejoj kaj kolegioj. La Brita kongreso sugestas ke ICK diskutigu ĉi tiun temon en la venonta Universala Kongreso en Budapest kaj ke intertempe ĉi tiu decido estu dissendota al ĉiuj naciaj societoj por antaŭkonsiderado kaj prepariĝo de proponoj pri zorge pripensita plano de estonta taktiko aŭ agadmaniero tiucela.«

## Wien-a Tramvojo.

Ni skribis al la direkcio de »Gemeinde Wien, städtische Straßenbahnen« petskribon pro enkonduko de E.-insigno por la konduktoroj dum deĵoro kaj aldonis la artikolon de AE n-ro 2/1929. Samtempe ni informis la direkcion pri la siatempa reskripto de Ĝeneraldirekcio de Aŭstriaj Fervojoj, per kiu tiu kiel unua enkondukis la E.-insignon por ĉiuj salajruloj dum deĵoro kaj per tio donis bonegan ekzemplon al aliaj institucioj, kiuj servu al la fremduloj. Nun ni ri-

cevis jenan leteron, kiun ni publikigas esp.-igite:

Wien, la 7. de junio 1929.

N-ro 2860/29/1 b.

Koncernas: Enkonduko de oficiala E.-insigno.

Al Aŭstria Esperanto-Asocio, Wien I.

Respondante vian ŝatatan leteron 46/Os de l' 18. de aprilo nj. ni havas la honoron komuniki al vi, ke la ekkonebligo de niaj fremdlingvon — ankaŭ Esperanton — parolantaj konduktoroj laŭ la koncernaj ordonoj efektiviĝas per ruĝaj brakrubandoj kun la surpreso de la fremdlingvo parolata de ili. Ili rajtas porti ĉi tiujn brakrubandojn nur en la de la pli granda fremdulfrekvento en Wien kiel dum la foiro, festsemajnoj ktp.

La enkondukon de la oficiala E.-insigno kiel ankaŭ ties portadon per niaj konduktoroj dum deĵoro la direkcio kun eecido de l' 4. ĉm. malakceptis.

La direkcio.

---

**6-a Intern. Kongreso kontraŭ la tabako** okazis post Pasko en Paris. Inter la pritraktitaj temoj interesas nin »La E.-movado kaj la batalo kontraŭ la tabako« resp. »La signifo de E. por la internacia kunlaboro sur la agadkampo kontraŭtabaka«, kiun faris nia samideano W. Mudrak, reprezentanto aŭstria en la kongreso. Krom tiu parolado s-ro Mudrak ankaŭ en la publika propagandkunveno parolis en E. Sekvis traduko en la francan lingvon.

La samideanoj de Paris kaj speciale la delegitoj de UEA Herlemont, dir. de »La movado« Houbart kaj T. H. Rousseau meritas dankon, ĉar ili sukcesis enkonduki E.-on en ĉi tiun neesperantistan kongreson.

S-ro redakt. Rolf Horn, Strasbourg, organizinto de l' kongreso, ebligis la envicigon de E. kaj pro tio li estu publike dankata.

Detalajn informojn (respondmarko petata) donas E.-tabakkontraŭula asocio, Wien, I. Judenpl. 2.

---

## Parolado pri »Antaŭkongreso« kaj »Int. E.-Muzeo« en Bratislava.

La 6. de junio laŭ invito de la E.-grupoj en Bratislava, transdonita pere de s-ro Tauber, prez. Steiner el Wien parolis en la belega salono de Komerca Ĉambro en Bratislava pri la supraj temoj kaj invitis al partopreno de la Wien-aj aranĝoj en julio. Prezidis d-ro Krauss, sekr. s-ro Tauber. Ĉeestis pli ol 70 esperantistoj kaj granda aro de ili aliĝos al Antaŭkongreso.

En la kadro de la aranĝo parolis germanlingve direktoro Adolf Stern, membro de la komercpolitika sekcio de Bratislava Komerca- kaj Metiaĉambro pri la tre interesa sekvanta temo, kiun li pritraktis dum Mezeŭropa Akvostratkonferenco en Budapest (11.—13. V.) En la Konferenco oni unuanime akceptis la proponon de dir. Stern, ke la konferenco transsendu lian projekton al Ligo de Nacioj kaj al ĉiuj eŭropaj ministerioj por trastudado. Ekstrakte ni publikigas la paroladon:

Mezeŭropa akvostratproblemo
kun interrilato al solvo de la problemo
de senlaboreco.

La tuta homara historio suferas ofte pro la erara konjekto de certaj ideologiaj doktrinoj, kiuj en multaj kazoj rezultigas neimageblajn katastrofajn konsekvencojn.

Unu el tiaj ekzemploj estas la geografia tezo, troviĝanta en koncernaj lernolibroj, ke riveroj disigas unuopajn landojn unun de la alia, anstataŭ, ke oni instruu la junularon pri tio, ke ĝuste ĉi tiuj akvaroj estas destinitaj esti interkomunikiioj, por efektivigi pli kaj pli grandajn interfratiĝojn kaj konstante kreskantan interesokomunecon de la tuta homa gento.

Ne malpli bone statas la afero koncerne la landlimojn, markataj per montoj kaj ŝoseoj.

Aŭtoro pritraktas la ĝeneralajn problemojn de akvostratoj el vidpunkto ekonomia kaj politika kaj resumas, ke per celkonscia kaj serioza solvo de la problemo, t. e. per konstruado de tiaj akvostratoj estus ne nur la zorgo pri la senlaboruloj forigita, sed ĝi havus ankaŭ nemezureblan ekonomian sukceson.

400 miliardoj da kronoj estis en la pasintaj dek jaroj elspezitaj por subvencii senlaborulojn, ega sumo uzita tute ne produktive.

Per unueca eŭropa volo estus eble komenci gigantan laboron, kies konsekvenco estus pli intima unuiĝo de ĉiuj ŝtatoj de nia kontinento kaj kreo de eternvalora verko. Unu el tiaj verkoj estas la konstruo de Danubo-Rhein-Main-kanalo.

La nuliĝo de la militŝuldoj de Eŭropo al Ameriko, postulata multflanke, ne estas ebla. Sed oni povus fari konvencion kun Ameriko kiu donos grandajn avantaĝojn al Nova Mondo kaj Eŭropo, nome: »Eŭropo donu al Ameriko la monopolon efektivigi la retaron de la akvostratoj kaj la kunigatan elektrigadon de Eŭropo dum certa tempo. Ameriko devus doni la monon por ĉi tiuj laboroj, havus la ekspluatrajton dum 50, 60, 70 aŭ 99 jaroj, post kiu tempo Eŭropo ricevus senpage ĉiujn instalaĵojn. La tarifojn de la person- kaj vartransportoj kaj de elektraj energioj Ameriko kompreneble nur povus fiksi en konsento kun Eŭropo. Por ĉi tiu monopolo Ameriko devus nuligi ĉiujn militŝuldojn de Eŭropo, ĉar Ameriko ricevos anstataŭ ĉi tiu mono eblecojn, kiuj per la novaj enspezfontoj pli ol egaligos la militŝuldojn. La senlaboruloj kaj la industrio de ambaŭ kontinentoj havos laboron, la grandaj sumoj por la senlaboruloj povus esti uzataj por aliaj celoj.«

La projekto estas same simpla, kiel teĥnike kaj finance facile realigebla. Post ekvilibrigo de la laboro ĉesus ankaŭ la armadoj kaj aliaj konfliktoj de la nuna tempo. S.

---



## Milito al milito.

En ĉi tiu verko, aperinta meze de 1928, la antaŭ nelonge mortinta konata franca pacifisto generalo Percin metis en la ĉapitro »Por mondpaco« inter la diversaj rimedoj por forigi la militon je honora loko jenan punkton: »Oni devas favorigi la lernadon de internacia lingvo tia, kia Esperanto.«

Laŭ »Heroldo«.

---

## Pri militebloj de l' estonteco.

parolis d-ro Viktor Matejka la 24-an de majo 1929 (salonego de l' »Unuiĝo«), en konscie neakademia maniero. Estis kvazaŭ agrabla babilado, kiu tamen montris sperton kaj kosmopolitan mondpercepton. Tio estas rimarkinda en tempo, plenigita de patoso kaj reklamo.

Serĉante respondon al la demando pri la venontaj militoj, necesas havigi al si superrigardon pri la diskutataj objektoj inter la nunaj ŝtatoj. (La temon pri la teknikaj militrimedoj la parolanto flankenlasis kiel specialan.) Troviĝas abundo da tiaj objektoj, apenaŭ supervidebla. Intencante ordigi la ĥaoson, la parolanto uzis la de li jam ofte rekomenditan metodon de l' »pensado en grandaj spacoj«. Tia pensmaniero kritike sekvas la mondplanon de l' paneŭropano Coudenhove-Kalergi.

Ĝis kiam Paneŭropo realiĝos ekonomie aŭ politike, malaperos la diversaj militdevenejoj. Krome estos necese ia solvo de l' kolonia demando, ĉefe en Afriko, kie Italujo kaj Germanujo deziras koloniojn.

Poste la parolanto priparolis la rusan grandspacon kaj la britan imperion, la plej perfektajn »grandspacojn« kaj iliajn antagonismajn problemojn, komparante la situacion de ilia nuna ekstera politiko kun la teorioj de ambaŭ flankoj kaj montrante la ĝermojn por militoj. Tre interesa estas la angla-rusa konkuro en Azio, Germanujo kaj Orienteŭropo. La konfliktoj meze en la brita imperio

ankaŭ povas sin malŝarĝi en pli malpli proksima limtago. Krom la plej briteca kolonio de Anglujo, Hindujo, estas priparolita la freŝdate farita angla-egipta kontrakto pri Nilo, ankaŭ ekzemplo por la ege grava problemo de l' migrado pro la tromulto de l' enloĝantaro. Nenatura barado de l' elmigrado el tro popolriĉaj regionoj preparas militojn.

La panamerika grandspaco kiel fakto kaj kiel problemo kondukas en la »Novan Mondon«. Problemo estas unuavice Pan-Iberismo en latina Ameriko, kiu celas repremi pli kaj pli la ekonomian ofensivon de Usono. La angla-amerika rivaleco estas pli grava ol la angla-rusa. Japanujo, krom Ĉinujo siaflanke reprezentante la eblecplenan panmongolan grandspacon, prenos la partion aŭ por Ameriko aŭ por Anglujo, ankaŭ tio estas granda demando.

Tiaj estis la gvidideoj de la ĵus por esperantistoj plej rimarkinda kaj interesplena parolado, al kiu d-ro Viktor Matejka aldonos la venontan aŭtunon pro ĝenerala deziro ion pri »la pacebloj de l' estonto«. N. Hovorka.

*

### Gravaĵoj.

**Eŭropo-Babelo.**

S-ro M. L. Tesnière de la Strasbourg'a Universitato prezentas la jenajn ciferojn koncerne la lingvojn de Eŭropo:

»Nuntempe en Eŭropo estas uzataj 120 lingvoj por 461 milionoj da loĝantoj. La germana lingvo estas la plej disvastigita: ĝin parolas 81 milionoj da personoj. Sekvas poste: la rusa lingvo 70 milionoj, la angla — 47, la itala — 41, la franca — 40, la ukraina — 34, la pola — 23, la hispana — 16, la rumana — 14, la hungara — 10 kaj la serbo-kroata — 9 milionoj.

**3. Pollanda Kongreso de E.** kaj **4. Konferenco de P. E. D.** okaros en Poznan la 29. ĝis 30. junio.

**8. Nacia Kongreso de E.** en Oviedo, Hispanujo, 14.—18. sept. 1929.

### Konstato.

Rondo de objektivaj samideanoj sincere klopodis forigi personan konflikton inter du meritplenaj pioniroj de nia movado en Aŭstrio.

Ni tre ĝojas, ke tio fine sukcesis en ĉiujn kontentiganta kaj respektinda maniero. La malagrabla afero koncernas la jenon:

»En Aŭstria Esperantisto n-ro 1 el 1929 aperis artikolo, kiu parte entenas tre bedaŭrindan atakon kontraŭ la meritplena pioniro de nia movado s-ro Franz Josef Schade.

La subskribintoj povas nun kun ĝojo konstati, ke ĉi tiu malagrabla persona afero per deklaroj kaj en por ambaŭ personoj tute kontentiga maniero estas definitive eksigita.

Wien, la 8. de junio 1929.

Rudolf Foltanek m. p. Nikolao Hovorka m. p.
Fritz Stengel m. p. D-ro Edmund Sós m. p.

## Aŭstria Esperanto-Asocio

Wien, I., Annagasse 5

### AEA-Konferenco.

okazos la 31. julio en Hotelrestaurant Kobenzl je la 4 h. Programo: Mallonga raporto, elektoj en la konsilantaron (§ 16).

AEA: Steiner, Hovorka.

**Bisamberg:** En la ĝeneralkunveno la 13. VI. estas elektitaj lern.-kons. Peter — prez., lernejestro Schörg — kas. kaj f-ino Karoline Jakubetz — sekr. Sekvis amuza vespero. Ĉeestis s-anoj el Korneuburg, Langenzersdorf kaj Klosterneuburg, kiuj dankeme rememoros la belajn prezentadojn. Ni citu: Deklamado de propra verkaĵo (Peter), pianoforto (f-ino Schörg), kantado (s-ino M. Pötzl, f-ino G. Wahl) akompanate de f-ino Fera de Riegner, violono (s-ro Gubik) akompanate de s-ino Pötzl. La grandaj penadoj de l' prez. estis kronataj per granda sukceso.

**Braunau am Inn:** La 19. V. okazis E.-renkonto en nia urbo. Ĉeestis s-anoj el Hackenbuch, Ried, Salzburg, Simbach, Schalchen ktp. Parolis prof. d-ro Christanell kaj s-ro Liedl el Salzburg. Per belaj diapozitivoj, pruntedonitaj de s-ro Liedl, estis farata dum Pentekosto en la kinematografa teatro granda propagando. Dankon pro la aranĝoj meritas la fervora s-ano Haselbauer-Braunau.

**Graz: Esp.-Soc. por Stirio,** Schönaugasse 6. El labor- kaj sukcesoriĉa vivo la morto forprenis fidelan amikon de nia afero, s-ron Josef Rückl, magistratan direktoron kaj direktoron de

Stiria Porfremdula Ligo en Graz. Jam en 1913 li sukcesis subvenciigi la eldonon de E.-gvid-libro tra Graz, en la sama jaro lia Ligo mem aperigis ilustritan varban broŝuron pri Stirio, pasintan jaron Sro Rückl subtenis la eldonon de la E-prospektoj pri la urbjubileo. La stiria esperantistaro devas danke memori lian valoran kunhelpon.

**Graz: — Loka Grupo.** 15. 5. Estrarkunsido. Post rigora kontrolo de la membrolisto la nombro de la grupanoj nun estas 94. En somero ree okazos dimanĉaj ekskursoj por viziti ekstergrazajn grupanojn. — 16. 5. Konverzacia vespero. — 23. 5. Prelego kaj debato pri »La trovemo de la poŝto«. — 30. 5. Posttagmeze familia kunveno sur Kastelmonto.

**St. Pölten:** Ekrevivigas la grupon sinjoroj Pfeiffer kaj Lachmann, la lasta estos ankaŭ la instruisto. Ni tre ĝojas pri tiu fakto, gratulas la al nia afero fidelulojn kaj esperas bonegan sukceson. Prez. de AEA., fondinto kaj Honora Membro de la grupo, parolos la 23. de junio en St. Pölten pri Antaŭkongreso, Int. E.-Muzeo kaj la organizaj aferoj.

**Wien: I. E.-Unuiĝo en Wien:** La 24. de majo okazis en la klubejo la parolado pri »Militebloj en estonto« de d-ro Matejko. La enhavon de la parolado legu en la antaŭa parto de AE. Ni elkore dankas al la parolinto pro la ĝuo, kiun li havigis al ni. Li promesis aŭtune paroli pri »Pacebloj de l' estonto«.

14. VI. parolis min.-kons. Viktor Hawlik pri »La ideala ŝtato«. Ĉeestis pksm. 70 neesp.-istoj, inter ili sekc.-ĉefoj Weinzierl kaj Heller, min.-kons. Romaschkar, Pelz, Schildern, Rucker, Cinnibulk, Walpach, kort.-kons, Heini, Poppauer, generalo v. Stransky, ĝen. sekr. d-ro Becher. Sekcia ĉefo d-ro Übelhör telefone senkulpigis sian nevenon. La interesegan paroladon, kiun la aŭdantaro sekvis kun granda atento, ni publikigos en la venonta numero.

**Wien: Katol. Unuiĝo E.:** Kurso en »Kath. Mädchenbund«, XVI., Arnethgasse 28, marde je la 8-a.

**Wien: E.-Laboristaro Kristana de Aŭstrio:** Kurso en »Kath. Gesellenverein«, VI., Gumpendorferstraße 39 ĵaŭdon je la 8-a.

**Wien: E.-org. de Ofich:** La 12 VI. parolis s-ano Christensen el Chicago pri siaj renkontoj kun Kemal Pascha, Calles k. a.

## Rimarkindaj presaĵoj.

**Fabeloj de l' Oriento** laŭ germana traduko esperantigita de d-ro Emil Pfeffer-Wien, Tagblatt-Biblioteko n-ro 724/725, Dulingva libraro. Per tiu ĉi libreto prezentiĝas al la esperantistaro ne nur ĝenerale ŝatata, interesa legaĵo, sed pro la apero en la dulingva libraro (Esp.-germ.) eĉ por la tuta movado multsignifa okazintaĵo. En tia eldono la feliĉe elektita teksto povas efiki kiel plej bona interesilo kaj varbilo por Esp. Krome ĝi estas tre instruiga materialo por lernantoj pro la kiel eble plej klara, simpla stilo laŭ Zamenhofa malgraŭ tio, ke ĝi kelkloke preskaŭ tro akomodiĝas al la germana frazaro. (Ekzemple: elripozi-ausruhen, ankaŭ ankoraŭ-auch noch, konfidita bono-anvertrautes Gut.)

La ege malalta prezo (Ŝ 1.—, RM —.60) ebligas al ĉiu la aĉeton de la 96 paĝa libreto, kiu kompensos siajn legantojn — ĉu perfektuloj ĉu lernantoj — per granda plezuro.

Christine Siedl.

**Hirt's Esperanto-Taschenwörterbuch** für den täglichen Gebrauch, zusammengestellt und bearbeitet von A. Degen und B. Kötz. 3. durchges. u. erweiterte Auflage (21.—30.000). Dieses äußerst handliche und sorgfältig ausgestattete Bändchen, das auf 120 Seiten nebst einem sehr reichhaltigen Wortschatz in Esperanto-Deutsch u. Deutsch-Esperanto — mehr als 20.000 Schlagwörter für den täglichen Gebrauch — am Schluße die Wortbildungssilben, alle Hilfswörter geordnet, und eine kurzgefaßte Praktika Frazaro enthält, außerdem in festem Karton gebunden ist, kann wahrhaftig, auch wegen seines niederen Preises (S 2.—), als geeignetes Nachschlagewerk sowohl Anfängern als Vorgeschrittenen bestens empfohlen werden.

Dr. Sós.

**Ĉevalira problemo.**




Tri libropremioj donotaj.
Solvojn ensendu ĝis 10. VII.

Livorno (Italujo): Luzio Lansel, Via Cina Esterna 12 bis, PM.
Aabyhöj (Danlando): L. Friis, Aabyvej 75, Pl. PK. L.

## Kie oni renkontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Schönaugasse 6/II, Vereinsheim (kunv.) »Pastete«, Sporg. 28, Do (ĵ) 20–23 h.

**Leoben.**

Esp.-Verein für Steiermark: Cafe Weidbacher, Mittwoch (me) 20–22 h.

**Innsbruck.**

Esperanto-Klub, Gasthof »Grüner Baum«, Museumstraße. Mi (me) 20–22 h.



**Wien.**

Katolika Unuiĝo E.-ista en Wien, I. Schottenhof (Akademikerheim) Mi (me) 18·00–20·00 h.

Esp.-Unuiĝo-Wien, I., Annagasse 5, I-a et., klubejoj de »Politische Gesellschaft«, Fr. (v.) 19·30 h.

Aŭstria Pacifista Esp.-Societo, IV., Schäffergasse 3, Mi (me) de 19 h.

Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, ĉiutage 17–19 h.

Viena Akademia Unuiĝo Esp., VII., Neubaugasse 25, Cafe Elsahof, Mo (l) 19–23 h.

Esp.-societo »Fideleco«, Währinger Bürgercafe, XVIII., Staudgasse 1, Di (m) 16–19 h.

Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Hugo Steiner, Bisamberg 248.
Presejo: Franz Reifmüller, Wien, I, Johannesgasse 6